# Aŭstraliaj Esperantistoj

Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj
Nia Espero Nia Forto

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 15/04/2012 Kvardekdua Eldono 2012 16/04/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ (se erara, informu min. rspring@tpg.com.au)

La AEA-jarkongreso okazos en Brisbane 28 septembro ĝis 1 oktobro 2012,

La AEA-somerkursaro en Sidnejo estos 11 ĝis 28 januaro 2013.

Jonathan Cooper prelegos pri "Moderna arto": 26 majo 2ptm Esperanto Domo, Redfern

**Esperanto** havos 125 jarojn je 26a Julio, 2012

Karaj Roger, Mei, Heath, kaj Jennifer,
Dankon pro viaj aktivaj pozitivaj respondoj. Estos bone vidi viajn nomojn en ADRESARO/JARLIBRO 2011-12. Ni esperu, ke ankaŭ multaj aliaj same respondos.
Sincere,
Bob Felby kaj Max Wearing.

## NI ĈIUJ MALKOVRU ESPERANTON.

Bonvenon al Jennifer Birchall. Sendante al Roger Springer, siajn adres-detalojn por ADRESARO/JARLIBRO 2011-12 ŝi skribis, "Vi prave diris, ke Esperanto bezonas pli da informado, sed mi ne certas kion fari tiucele."
Daŭre aperas bonaj E-informiloj en la angla, sed nun elstaregas ĝisdata ekzemplo, kiu meritas viziton de ni ĉiuj. - Ni simple guglu "DISCOVER ESPERANTO".
Max Joseph Maxwell Wearing <mwearing@internode.on.net>

## Lando de la monato en Vikipedio

Karaj ĉiuj:
Ĉiun trian monaton en esperanta Vikipedio oni elektas iun "landon de la monato", por

instigi plibonigi artikolojn en tiu reta enciklopedio, pri iu lando grava, sed kiu estas malbone prezentita en ĝi.
Dum monato aprilo la "lando de la monato" estos ĝuste Aŭstralio:
http://eo.wikipedia.org/wiki/A%C5%ADstralio

Mi petas vin disvastigi la informon al la aŭstraliaj samideanoj, kaj kuraĝigi ilin plibonigi la artikolon pri la lando mem, kiu estas nun sufiĉe manka kaj eĉ iom fuŝa. Estus ankaŭ bele se oni povos redakti aliajn artikolojn rilatajn al ĝi. Fakte dum venontaj tagoj oni proponos aliajn artikolojn plibonigindajn, dum po unu semajno
http://eo.wikipedia.org/wiki/Vikipedio:Lando_de_la_monato

La proceduro estas multe pli facila ol iuj supozas, kaj se iu emas, sed ne konas la manieron labori, ne hezitu kontakti min aŭ aliajn amikojn por helpo.

Korajn salutojn el la antipodo!
Tonjo del Barrio
http://www.delbarrio.eu
(Sendis Fraciska Toubale fran14@bigpond.net.au)



La Novaĵletero vivas nur ĉar vi sendas informon al ni.
Dankon
Roger Springer

Kie estas
Via letero?

